

# LA VERDA LUPEO FENĪKSO




N-ro 49 1980-2 junio 11a jaro


## Kluba informilo de ELF–AREK

**ELF: Esperanto Ligo Filatelista**

**AREK: amika rondo de Esperantaj-kolektantoj**



## ELF en Leipzig 1980

En nia amika rendevuo partoprenis la klubaj geamikoj Goslinga kun edzino, Hirsch kun edzino, Paulsson, Holmén, Koszieniak, Hasala, Kroa, Radnai, Müller kaj Burmeister. Partoprenis ankaŭ aliaj esperantistoj, inter ili Hamann kun hungara edzino, Beau kun edzino, geedza paro Isenburg, hindino Jagota kaj pluraj aliaj de la E-klubo Leipzig.

Okazis Interkona Vespero kun amikoj el 8 landoj en sufiĉe granda restoracia salono. Sabate la Amika Rendevuo kun kutimaj Salutvortoj de multaj k kluba diskutado. Vespere Amika Vespero kaj sekvan dimanĉon ni estis inter kameloj, simioj k kanguruoj en la zoologia ĝardeno de Leipzig. Tute senceremonie ni finis nian rendevuon kun duonlitro da biero kaj bokvursto apud iu starbufedo en zoo. Estus multe direnda pri tiu rendevuo, sed jen nur la plej grava:

- E-klubo Leipzig aperigis E-poŝtkarton memore al nia ELF-kunveno
- Sama klubo financis memorigan E-poŝtstampon IFER 80
- Aperis memorigaj glumarkoj pri ELF-kunveno (faris Radnai)

Kaj jen kelkaj teknikaj detaloj:Tranoktado: Pere de foira legitimilo k helpe de foira oficejo ni ricevis tranoktejojn en privataj ĉambroj (10.– ĝis 30.– gmk po persono po nokto = sufiĉe multekosta).

Manĝado: Okazis parte en la klubejo parte en restoracio. Malmultekosta afero. Plej tipa germana menuo "Eisbein kun saurkrauto" (Eisbein = porka peklita dikgambo) kostis 6.– gmk en luksa restoracio. Duonlitro da biero "Staropramen" (ĉeha) = 1.50 mk. La poŝta stampilo funkciis en la ĉefpoŝtejo de la urbo. La memoriga poŝtkarto ekzistas en nur 250 ekzempleroj. Nepre rekomendindas akiri ĝin, ĉar tiu certe post kelkaj jaroj ĝi estos ege serĉata pro ĝia duonoficialeco.

**Danko al Leipzig!**
Ni, la partoprenintoj de nia amika ELF-kunveno en Leipzig 1980 tutkore dankas al la estraro de la Esperanto klubo Leipzig pro la bona preparo de nia aranĝo. Ni estas tre kontentaj pri nia restado en Leipzig kaj ĝuis neforgeseblajn tagojn en bonega kaj amika atmosfero Volonte ni denove venos al via bela Leipzig.

## ELF kunvenos en Stokholmo

Pri detaloj konsultu vian kongresan programon. Multaj niaj klubaj geamikoj ĉeestos la Universalan Kongreson en Stokholmo. Mi scias ekzemple pri Paulsson, Hirsch, Hasala, Lindström, Strönne, Koszieniak kaj aliaj, transmaraj, geamikoj. Por nia kunveno LKK disponigos ĉambron al ni. Denove nur temas pri amika rendevuo sen granda tagordo k sen paroladoj. Ne forgesu viajn duoblaĵojn de stampoj, pm, glm k insignoj.

Partoprenu, se vi havas sufiĉan monon, ankaŭ en la aŭkcio de Esperantaĵoj, kiun organizos la LKK de la UK. Certe tie troveblos interesaj objektoj por viaj kolektoj. Sed nepre ne tro altigu la prezojn!!

Mi deziras al vi agrablan restadon en Stokholmo!

**ELF-kunveno 1981 en CSSR?**
Nia kluba amiko Hasala invitis nian klubon, 1981 en marto kunveni en kastelo en Valtice. Situas apud Breclav ĉe Bratislava. Pliajn detalojn vi trovos en sekvontaj "Feniksoj" kaj pro ĉiuj organizaj problemoj kontaktu nur Hasala. Partoprenos ankaŭ multaj ĉehaj E-filatelistoj.

**Interesa E-filatela instruilo**
Nia klubo amiko Vladimir Vana en CSSR, elstara E-filatelisto kun internacia reputacio, ellaboris tre valoran kaj utilan skizon "Kiel konstrui E-filatelan ekspozaĵon".
Interesuloj provas havi ĝin kontrau 3 IRK de la redaktoro.
(Adreso dorsflanke)

**Glumarka angulo**
Bedaúrinde nia glumarka fako nur malbone funkcias. Informoj pri novaĵoj venas eble nur unufoje jare de nia glumarka fakulo. Tial ne eblas, ĉi-foje aperigi sciindaĵojn. Redaktoro klopodas, por sekvonta numero kompili liston pri novaĵoj el propraj materialoj.

## Niaj novaj stampoj

**Budapest 1979**
9a VEF havis poŝtan stampilon, kiu estas iom fuŝita. Oni elhakis pecon de la "8" el la pasintjara stampilo, kaj tiel faris "9" el tiu numero. Sed oni elhakis pecon en malĝusta loko, kaj tial aperas fuŝita 9 en la stampo. Katalogisto nun ne scias, kion fari. Sed por daurigi la ĝisnunan praktikon en la numerado de la VEF-stampoj, ni donu al ĝi numeron 72. Ni nur povas esperi, ke iam la organizantoj de tiu VEF ŝanĝu la stampobildon. La lastjaraj jam ne estas montreblaj en filatelaj ekspozicioj pro la ĉiam sama stampobildo. Multe pli bone agas la organizantoj de IREN k Gyula, ĉar ili foj-foje ŝanĝas stampilon kio ebligas al ni filatelistoj, povi varie prezenti tiujn Esperanto renkontiĝojn.

**Tata 1980**
La stampo HU 73 venas el la nordokcidenthungara Tata. Okazis tie 2.5.1980 Junulara Esperanto Renkontiĝo (JER). Tia teksto aperas esperant – kaj hungarlingve en la stampo kun iu domo kaj turo. La stampo estas bone legebla pro ĝiaj grandaj literoj. Pliaj detaloj ne estas disponeblaj.

**Descartes-stampo en GDR**
Pri ĝi, GDR 5, legu en 1/80.

**IFER 80 en Leipzig**
Temas pri stampo GDR 6. Bedaúrinde tiu stampo ne multe ŝanĝis sian vizaĝon kompare al tiu de IFER 79. Oni nur ŝanĝis la centran simbolon de IFER 79 al IFER 80. Tiu stampo nur tial estas uzita, ĉar kunvenis nia ELF-AREK-klubo en Leipzig. Tiu IFER pro teknikaj malhelpoj ne povis okazi.



## Filozofo Francis Bacon en E-stampo

Poŝtoficejo Karl-Marx-Stadt 1 (ĉefpoŝtejo de la urbo) uzis de 5–12.5.1980 memorigan stampon okaze de la jubileo "15 jarojn Esperanto en Kulturligo de GDR". En la stampo aperas portreto de la filozofo F. Bacon, ĉar ankaŭ li jam ellaboris skemon de internacia lingvo.

F. Bacon naskiĝis 22.1.1561 en Londono. Lia patro okupis la pozicion de lordsigel-gardanto. 13-jara, jam li vizitis la universitaton de Cambridge. Kaj kiel 23-jarulo jam li membras en la "Subdomo". 1618 li fariĝis lordkanceliero.

Sed plej grandajn meritojn li havis kiel filozofo kaj natursciencisto. Karl Marx skribis pri li, ke li estas la prapatro de la angla materialismo kaj de ĉiuj modernaj eksperimentaj sciencoj. Kun sia libro "Nova Atlantis" li verkis la unuan scienc-teknikan utopion. Tiel li skribis pri aeronautiko, subakva nautiko, telefono kaj gramofono.

*Havebla tiu stampo estas pere de Dr. Brosche, DDR 7981 Rückersdorf kontraŭ 3 IRK sur memorigaj poŝtkartoj.*

### GDR 8

2–9.6.1980 estos uzata, denove en Karl-Marx-Stadt, stampo okaze de medizina Esperanto konferenco en tiu urbo. Konata jam nun, ke aperos portreto de la eminenta hungara Esperantisto kaj medicinisto K. Kalocsay en la stampo.

Tiun stampon iniciatis la medicina fakrondo en Kulturligo de GDR, kiel ankaŭ jam tiujn de Bacon kaj Cartesius. Havebla ĝi estas ankaŭ pere de Dr. Giso Brosche kontraŭ 3 IRK.

Stampoj estas haveblaj sur E-tutaĵo GDR 11 (Kalocsay) kaj GDR 12 (Teksto: Ila konferenco de MFR). Eldonkvanto de la 10-pfg-tutaĵoj po mil ekz.

## Denove malnova stampo trovita!

Nia kara kluba amikino Annie Wester por ordigi nian enketon ordigis ankaŭ sian kolekton kaj trovis en ĝi kelkajn stampojn, ne katalogitajn. Preskaŭ ĉiuj tiuj montriĝis nepoŝtaj, sed unu el inter ili montriĝis ĝis nun nekonata poŝta Esperanto-stampo el Belgio. Sinjorino Annie Wester sendis fotokopion al la redaktoro, kiu nun priskribas al vi la pecon:
Temas pri bildkarto kun la esperantlingva priskribo:
"Gento – la flanka Fasado de la Ĉefpreĝejo Sankta Bavo", la bildkarto estas afrankita kun 4 dekcendaj pm. Sur ili kvar nuligaj poŝtaj stampoj de poŝtejo en GENT el la jaro 1937.

La stampoj havas la tekston:
XXII KONGRES-ARBEIDERS-ESPERANTISTEN – 1937
La dato en la stampoj montras 29-3-37.-5

Ne ekzistas iu ajn dubo pri la poŝteco de tiuj stampoj. La karto estis adresita al samideano en "Hollando". Ni klopodas aperigi la fotokopion sur la paĝoj de nia informilo. Nia klubo kore dankas al nia Annie Wester pro la tre valora informo.

## E-pk de GDR

Enmodiĝas en GDR, aperigi normalajn poŝtkartojn kun la nominaloj 10 pfenigoj (enlanda tarifo) kaj 25 pfenigoj (tarifo por kapitalismaj landoj) kun Esperanto-surpresoj. Antaŭ ol perdiĝas detaloj, mi informiĝis pri ili kaj poste prezentos al vi liston pri ili.

Laŭ tutaĵkatalogo de GDR ili havas karakteron de la kategorio C. Tio estas oficialaj poŝtkartoj kun privataj surpresoj. Tiajn poŝtkartojn kolektas speciale la tutaĵ-kolektantoj en GDR kaj GFR (ne Esperantistoj).

Sed – pri la ekzisto de niaj E-pk ili ankoraŭ verŝajne ne eksciis, kaj sekve tial ankoraŭ ne aperis informoj en tiu tutaĵkatalogo. Tiuj kartoj aperis en relative malaltaj eldonkvantoj kaj servis por korespondaj celoj de niaj Esperanto-amikoj en GDR.

Por la E-filatelistoj ili prezentas tre bonan materialon. Tiuj kartoj estas uzeblaj por ekspozaĵoj en la konkura klaso de filatelaj ekspozicioj, sed nepre ili ankaŭ estas kolektindaj por la propra kolekto. Des pli, ĉar ankoraŭ ili estas haveblaj kaj krome malmultekostaj. Cetere poŝtkartoj estas ege simpatiaj por stampo-kolektantoj, ĉar plej ofte tiaj poŝtkartoj havas perfektajn stampojn pro tio, ke stampilo ne bezonas renktoni malglataĵojn pro surgluita pm.

Tiujn E-poŝtkartojn la GDR-Esperantistoj ne inventis. Ekzistas tiaj en GFR, Italio, CSSR. Kaj nepre ili ankaŭ havas ian parencan similon kun tiuj de Germanio, Liechtenstein kaj aliaj.

Jen do la listo, kiu eble estas utila por vi:

| | | |
|---|---|---|
| 1.10 pf., | Medicina Fakrondo – Fonda kunveno | (CLE Berlin) |
| 2.10 pf., | Claudius Galenus | (CLE Berlin) |
| 3.10 pf., | Cartesius (Rene Descartes) | (CLE Berlin) |
| 4.25 pf., | Cartesius | (CLE Berlin) |
| 5.10 pf., | IFER 80, ELF-AREK-Kunveno<br>250 numerigitaj ekz. | (DLR Leipzig) |
| 6.10 pf., | Bacon | (CLE Berlin) |
| 7.10 pf., | Propaganda pk<br>(stelo apud globo k teksto) | (DLR Leipzig) |
| 8.10 pf., | Propaganda pk<br>(E dient dem Frieden) | (DLR Leipzig) |
| 9.10 pf., | Propaganda pk<br>(Per E Por Mondpaco) | (DLR Leipzig) |
| 10.10 pf., | Kalocsay | (DLR Cottbus) |

Klarigoj:
CLE = Centra Laborrondo Esperanto (Landa estraro)
DLR = Distrikta Laborrondo Esperanto (Departementa estraro)
pf. = pfenigoj (1.– gmk = 100 pfenigoj).

*RB*

## Pri Gent 1937

Temas pri la 22a kongreso de laboristaj esperantistoj de F.L.E. Laŭ PIV F.L.E. signifas: Asocio de Laboristaj E-istoj "Fidu la Estontecon". Fondita ĝi estas en la jaro 1911. Ek de la jaro 1929 la flandraj esperantistoj kunlaboris en tiu asocio. Ekzistas "Jubilea Libro de F.L.E.", kiu detale priskribas la historion de F.L.E. Pri la kongresoj de tiu asocio ni scias ke

1933 la 18a F.L.E.-kongreso okazis en Amsterdam,
1934 la 19a F.L.E.-kongreso okazis en Antverpeno,
1935 la 20a F.L.E.-kongreso okazis en Groningen,
1936 la 21a F.L.E.-kongreso okazis en Hago (stampo NE 2)
1937 la 22a F.L.E.-kongreso okazis en Gent (stampo nun trovita),
1940 la 25a F.L.E.-kongreso okazis en Amsterdam (stampo NE 5).

Pli poste ni trovas pri la F.L.E.-kongresoj la stampojn NE 6 kaj NE 8. Ekzistas pluraj nepoŝtaj stampoj, kiuj dokumentas la F.L.E.-kongresojn. Mi havas tian el la jaro 1964 Groningen.

## Esperanto-balono

Sur la titola paĝo de la filatela gazeto BOLETIM de portugala asocio de maksimumkarta filatelio n-ro 10, decembro 1979 aperas tutpaĝe la maksimumkarto pri la svisa E-balono kun la svisa E-pm kaj la kongresa stampo kun la balono en la stampo. Artikolo pri la 64a UK troviĝas interne de tiu gazeto. Informis Kurt Lindström pri tiu afero.

## Argentina Esperanto-pm?

Sennaciulo 3/80, sed certe ankaŭ multaj aliaj E-gazetoj, informas, ke okaze de la 1-a Tutamerika Esperanto Kongreso en San Luis 12–15 julio 1980, Argentinio, la poŝto emisios memorigan Esperanto-poŝtmarkon. Funkcios speciala poŝtejo en la kongresejo.

Ni atendu, ĉu la afero realiĝos? Sed jam la intenco estas certe laŭdinda.

## SAT-stampo en Rijeka

La tria komuniko pri la 53a Kongreso de SAT, okazonta en Rijeka de 19–25 julio 1980 informas, ke en la kongresejo estos speciala poŝta stampo kaj ke oni eldonos memorigan koverton.

Koresponda adreso:
SAT-Kongreso, Franje Matkoviĉa 16, YU 51000 Rijeka, Jugoslavio

## Du diversaj HU 5!

Laste ni pridiskutis stampon HU 5 "Magyar Vasutas . . ." de Hodmezövasarhely 1947. Nia kluba amiko Stefano Fekete en Budapesto vizitis la poŝtan muzeon por esplori la aferon: Ambaŭ stampoj, esperant- kaj hungarlingvaj, estas notitaj kiel oficialaj poŝtaj en grandega libro, kiu enhavas notojn pri ĉiuj memorigaj poŝtaj stampoj de Hungerio.

Tio signifas, ke pere de nia enketo ni trovis ĝis nun neatentitan poŝtan Esperantostampon, kiun eĉ pluraj el ni havas en la kolekto. Dankon al Fekete, kiu grave kontribuis al plibonigo de nia katalogo.

**Korespondado de militakaptitoj**

Nia kluba amiko Dalet atentigis pri tre interesa filatelaĵo el la jaro 1920 kaj sendis fotokopion. Temas pri senafranka sed poŝte stampita poŝtkarto. La poŝta stampo enhavas ideogramojn (ĉina skribo) kaj la daton 31.1.1920. Adresita estas ĝi al persono en Budapest. Sendita de kapitano Bela Lezel el la militkaptitejo por oficiroj en Krasnaja Rjeska apud Kabarovsko en Orienta Siberio.

Tiu poŝta karto surhavas presitajn Esperanto-tekstojn: ESPERANTO
Korespondado de militkaptitoj

kaj madekstre:

Transportigu nin hejmen el Siberio!

Do, sendube tre interesa filatelaĵo kaj supozeble Julio Baghy siatempe estis en tiu prizonejo. Kiu el ni scias detalojn?

**Ornama stampo Krasnodar**

Dalet sendis ankaŭ fotokopion pri konverto, kiu montras ornaman apudstampon pri "Tago de Esperanto" (ruslingva) kiu montras terglobon, rubandon kaj urbonomon KRASNODAR kun la dato 25.12.1960. Ankaŭ kun indiko CCCP (USSR). Ke tiu stampo ekzistas, delonge estas konata. Nekonata estas, ĉu ĝi estas poŝta. Eble niaj filatelaj amikoj en Sovetunio povas iom esplori tiun aferon.



**Kaloĉaj-pm**
ne ekzistas. La dumonata kultura revuo en esperanto LITERATURA FOIRO, n-ro 59 titolpaĝe aperigis grafikaĵon pri poŝta sendaĵo kun 4-forinta pm pri Kaloĉaj kaj kun "poŝta stampo" de februaro 1980. Karaj geamikoj, kiuj demandis min pri tio: tia poŝtmarko ne ekzistas, la tuta afero estas sukcesa grafika aranĝo de titola gazetpaĝo.

## Pri stampo BU 1

La bulgara nacia poŝtoficejo eldonis sian unuan esperanto-poŝtmarkon 16.vi.1947 en nominalo de 20 + 10 levoj. La eldonkvanto: 316 000 ekzempleroj. La kataloga numero estas 646. Tiu marko validis por afranko ĝis 10.3.1949. Hodiaŭ jam estas tre malfacile, trovi ĝin.

Okaze de la kongreso la bulgara poŝtoficejo faris specialan stampilon, kiu havis la jenan tekston:
RESPUBLIKO BULGARIO – ESPERANTO KONGRESO – 16.VI.1947

Dua stampilo estis propraĵo de la Bulgara Esperanto Asocio (red. noto: tiu kun indiko Plovdiv, 6.7.IX.1947) kaj ne estas poŝta.

Oficialajn poŝtkartojn la poŝtficejo ne eldonis. La ekzistantaj ekzempleroj estas faro de privataj personoj, (Dimitro Ivanov el Ruse, mortinta). Kartmaksimumoj de tiuj poŝtkartoj ne plus estas troveblaj. Ili estas veraj raraĵoj.

*Petko Arnaudob en Pazarĝik*

**Redaktora noto:**
Do, nia BU 1 estas poŝta. La en pli fruaj katalogoj citita "helnigra de Plovdiv" estas privata. (Dato 6.7.IX.1947). Krome BU 1 estas tipe unuataga stampo, ĉar nur konata kun la dato de la eldontago de la E-poŝtmarko. (16.VI.1947).

Nia klubo sincere dankas al la nefilatelisto Arnaudov, kiu helpe de sia amiko Grozdanov sukcesis klarigi al nia la situacion ĉirkaŭ tiu BU 1.

Mi proponas al ĉiuj niaj klubaj geamikoj, ke kiel esprimo de nia danko ĉiu sendu tipe esperanto-filatelan salutkarton okaze de la 70-a jubileo de la E-klubo Pazarĝik (12.10.1980) al:
Esperantoklubo, N. Popkonstantinov 40
BG 4400 Pazarĝik, Bulgario

## Ekspozicio Gödöllö

Hungarlanda Filatelista Asocio (MABEOSZ) aranĝis inter la 16a ĝis 25a de novembro 1979 en Gödöllö "Landan Parafilatelian Ekspozicion.

La ĵurio de la ekspozicio alte taksis laboron de la Esperantistoj al kiuj ili aljuĝis du premiojn. Istvan Fekete ekspozis hungarajn porokazajn esperanto-stampojn de 1918 ĝis 1979. Li ricevis arĝentumitan bronzas medalon. Johano Podani ricevis bronzan medalon pro same interesa ekspozaĵo pri Esperanto-filatelaĵoj.

Estrarano de HEA, Johano Szilagyi, transdonis al Fekete dum ekspozicia ceremonio honordiplomon pro filatelaj meritoj kaj aktiva kunlaboro en la Esperanto-movado.

Nia klubo gratulas!

## Iom pri financoj

Kiam aperis antaŭ jaroj niaj informiloj, de tempo al tempo mi en ĝi trovis iujn kasraportojn. Kaj ili ĉiam tedis min. Ili verŝajne por neniu el la kolektantoj estis iel interesaj. Kaj tiel okazis, ke ankaŭ sur mia tablo venis de tempo al tempo kasreportoj pri enspezoj, elspezoj de niaj kasisto kaj stampobanko. Pro miaj antaŭjuĝoj kontrau tiuj "burokrataĵoj" ĉiam tutsimple mi subtabligis tiujn. Venis protestoj nek de la klubaj membroj nek de ĝiaj farintoj.

Sed nun denove venis kasreporto kaj esceptokaze mi publikigas ĝin, ĉar ĝi ĵetas lumon sur afero, kiu silente kaj en ombro bonege servas al niaj deziroj:
Kasraporto Stampobanko
31.12.1979: Enspezoj 1885 IRK
Elspezoj 1435 IRK
Posedaĵo 450 IRK
Tre bona afero.

Ege malpli simpatia aspektas ĝeneralaj klubaj en – kaj elspezoj.

Nur por presado kaj ekspedo de nia informilo amiko Paulsson pagas por ĉiu numero 500 skr. Normala entrepreno do jam delonge estus bankrota, ĉar la kotizoj kovras nur 3 el 4 numeroj. La 4an numeron ni eble povas pagi el donacoj. La multaj aliaj elspezoj restas nekovritaj, ilin pagas tiuj, kiuj prizorgas klubajn aferojn. Kaj tiuj elspezoj ne estas bagatelaj. Kaj . . . riĉuloj ni ne estas. Kompreneble ni tamen ĉion daŭrigas. Eĉ volonte. Por ni nekomprenebla estas, ke kelkaj membroj nur pagas parton el la kotizo, kvankam ebleco pagi ĝin por ĉiu ekzistas. Estonte ni rigore forstrekos el nia adresaro tiujn, kiuj ne pagis kotizon aŭ nur parton.

La malnovaj amikoj en nia rondo fondis nian klubon por reciproke helpi unu al la alia. Ili ne postulis ion kontraŭ pagita kotizo. La kotizo servis al tio, ligi pli malpli firman kontakton inter ni E-filatelistoj. Sen tia organizita kontakto ni povus fermi niajn albumojn pro manko de novaj ekscioj.

Do, tiuj linioj ne estis alarma signalo, ne helpopetoj, ili nur skizu la situacion. Cetere, se la inflacio samgrade progresas, povas okazi, ke nur dufoje po jaro aperos nia informilo (ne estas gazeto!).



**Bonvenon en nia Amika Rondo!**

Sinjoro Michel Legris, F-65330 Galan, Francio
kolektas polusajn kaj Esperanto stampojn.

Sinjoro Robert Lefebvre, F-62110 Benin-Beaumont, 1, Str. César Willefert, Francio
kolektas nur Esperanto-poŝtmarkojn

Sinjoro Antonio Joao Fraga Padilhao, 17100 Bauru, SP, Rua Floriano Peixoto 10-37, Altos da Cidade, Brazilo
kolektas Esperanto-filatelaĵojn

Sinjoro Leif Gunnar Karlsson, S-981 00 Kiruna, Matojärvigatan 28
kolektas Esperanto-filatelaĵojn

Sinjoro Dr. med. vet. H. Köther, DDR-321 Volmirstedt, Kastanienweg 10
kolektas ĉion el la Esperanto-filatelio, kaj pri medicino

Sinjoro Dr. med. vet. G. Brosche, DDR-7981 Rückersdorf
kolektas ĉion pri lingvoscienco, religioj kaj medicino.

Francisco Domeneez Torregrossa Goya 13, Muro Del Alcoy (Alicante), Gispanio
kolektas ĉiujn Esperantaĵojn.



## Ni funebras

Atingis nin la tre malĝoja sciigo, ke niajn vicojn por ĉiam forlasis nia kluba amiko

## FRANK TICHY

Li mortis 18-an de marto 1980 post longjara grav malsano, eĉ ni ĝisvivinte 54 jarojn de sia vivo. Li estis unu el la fondintojde nia klubo kaj apartenis al la plej spertaj, oferemaj kaj antaŭ sia malsaniĝo al la plej aktivaj amikoj. Frank – kiel ni familiare lin nomis – ĉiam pretis helpi kaj konsili. Li staris ĉe nasko de Jensen – a glumarka katalogo. Li ankaŭ estis kunfondinto de Esperanto-sekcio de la Asocio de ĉehoslovakaj filatelistoj. Li verkis multajn fakajn artikolojn en nia informilo kaj siatempe tre lerte gvidis nian stampan bankon. Ni, kiuj apartenis al liaj personaj amikoj, taksis ĉe li liajn modestecon, oferemon kaj amikecon.

Frank foriris, kaj tiel kaŭzis nevole doloron al siaj plej karaj kaj al pluraj el inter ni. Ni kondolencas en la nomo de nia membraro al lia edzino kaj infanoj. Konsolu ilin, ke ankaŭ pluraj el ni neniam forgesos, sed ĉiam rememoros nian amikon Frank.

*Vladimir Vana*

## ELF-AREK-KLUBO

**Prezidanto:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3

**Kasisto:**
Same. Sendu jarkotizon de 15 IRK au 25 sved. kr
Poŝtkonto: 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna

**Stampobanko:**
Werner Heimlich, D-304 Soltau, Fröbelstr. 4
Haveblas multaj novaj kaj malnovaj E-stampoj kontraú IRK aú novaj stampoj. Petu liston.

**Redaktoro:**
Rudolf Burmeister, DDR 9047, Karl-Marx-Stadt, W. Firl Str. 30

Skribas kaj kompilas tiun ĉi informilon por vi. Sendu al li sciigojn kaj ĉiuspecajn novaĵojn de E-filatelio, glumarkoj, insignoj. Do ĉion, kio povus esti interesa por nia informilo.

Transportigu nia hejmon el Siberio!

ESPERANTO
Korespondado de militkaptito

